# Informilo de Ĝemelaj Urboj



Reta bulteno de UEA pri la projekto Ĝemelaj Urboj
Kongresa numero 8-a jaro N-ro 3 (30) septembro 2009



Novaĵo

## Kunveno kun praktika efikeco

**Matene en la 26-an de julio 2009 ĝuinte la solenan inaŭguron de la 94-a UK speciale aranĝita en Bjalistoko por la 150-a naskiĝdatereveno de L.L.Zamenhof, posttagmeze je 13:30-14:30 pli ol 30 kongresanoj tuj kolektiĝis en la salono** Kesälä **por la 6-a Kunveno de Ĝemelaj Urboj, kiun prezidis s-ro HORI Yasuo, estrarano de UEA pri landa kaj regiona agado kaj funkciulode la projekto Ĝemelaj Urboj. Unue s-ro Hori koncize prezentis jaran raporton de la projekto en 2008 faritan de la komisiito. Sekve kelkaj kunvenantoj faris paroladojn pri konstruo aŭ aldono de hejmpaĝo, komunikado, strategio, sperto kaj apliko je tiu temo (vidu priajn respondojn de la komisiito). La kunveno finiĝis en varma diskutado. Indas mencii, ke por faciligi kaj vigligi la kunvenon s-ro Hori speciale portis el sia hejmo du mapojn (unu estas la monda, alia la eŭropa), ke s-ro NAKATU Masanori donis grandan helpon dum organizado de la kunveno, kaj ke s-ro Lee Jung-kee, prezidanto de KAEM, prezentis temajn fotojn spite al tio, ke li ĉeestis nur parton de la kunveno. (laŭ raporto de Hori Yasuo)**




## Prelego en "la Tago de la lernejo"

**En la Tago de la lernejo okazinta en la 28-a de julio s-ino Zsófia KÓRÓDY el Germanio faris prelegon kun temo: Ne nur virtuala amikeco: Comenius-projekto kaj ĝemelurbaj kontaktoj de lernejoj en Herzberg.（el n-ro 5 Kongresa Kuriero de la 94-a UK）**

Urbestro kaj Esperanto

## Urbestro tutkore sindona al la kongreso

**Mi racie diras, ke Bjalistoko povis sukcese inviti kaj gastigi la 94-an UK-on nur tial, ke unuflanke ĝi estas naskiĝloko de d-ro L.L.Zamenhof, kaj ke aliflanke ĝi havas urbestron tutkore sindonan al la kongreso, nome s-ro Tadeusz TRUSKOLASKI.**

**Celante tiun ĝustan okazon en Bjalistoko okaze de la 150-a jubileo de la kreinto de Esperanto, antaŭ la kongreso, precize en 2007, s-ro Tadeusz Truskolaski jam havis kompletan planon kaj sufiĉan preparon: de kampanjo por kolekti subskribojn favore al la kongreso al alvoko oficiale subskribita de la urbestraro; de persona partopreno en la Jokohama UK al transdono de la alvoko kaj invito pri la kongreso; de la memĉeestita kunsido al akcepto de la urbanoj ktp.**

**Oni ofte vidas lin okupita tuj antaŭ aŭ dum la kongreso. La 21-an de julio en 2009 li solene inaŭguris Esperanto-Centron Ludwik Zamenhof ĉe la strato Warszawska**

n-ro 19 en Bjalistoko; la 26-an de julio li aperis en la inaŭguro de la kongreso; la 30-an de julio li akceptis kongresanojn en la impona palaco Branicki, kaj ĉeestis al la fermo de la kongreso en la 1-a de aŭgusto. La koncernaj paroladoj tute ne mankas al tiuj ĉi aranĝoj kaj li faris ilin en flua Esperanto. Liaj faroj brilas la kongreson. --- la redaktoro

## La parolado de urbestro Tadeusz Truskolaski en la impona palaco

Estimataj gesinjoroj, karaj esperantistoj,

Kun grandega ĝojo mi salutas estimatajn reprezentantojn de la internacia esperanta medio dum la hodiaŭa renkontiĝo, kiu akompanas la naŭdek kvaran universalan kongreson de Esperanto en Bjalistoko.



La Esperanto-kongreso perfekte kongruas kun kelkcentjara tradicio de Bjalistoko, la urbo de multaj kulturoj kaj nacioj, kiuj laboris por komuna bono. Nehazarde ĉi tie naskiĝis la ideo de Ludoviko Zamenhof, kiu profunde kredis, ke eblas kompreniĝo de homoj bonvolaj, sendepende de diferencoj inter ili. La ideo de Esperanto ja estas nenio alia ol provo rekrei bjalistokan mikrokosmon en tutmonda skalo.

Kaj hodiaŭ, same kiel antaŭ unu jarcento kaj duono, kiam sur bjalistokaj stratoj promenis Zamenhof, interkompreniĝo kaj kunlaboro estas por ni plej valoraj. Danke al tiuj ĉi valoroj daŭre evoluas unika bjalistoka kulturo, okazas senĉese aranĝoj kaj eventoj, kiuj celas diskonigi unuecon en diverseco. La kongreso de Esperanto estas do perfekta rezulto de niaj penoj.



La nuna, dumil naŭa jaro, estas okazo festi la cent kvindekan naskiĝdatrevenon de Ludoviko Zamenhof. Se la datreveno kaŭzis tion, ke vi tiom multnombre venis al la bjalistoka kongreso, trapasante foje milojn da kilometroj, tio signifas, ke la idealo de Zamenhof daŭre estas viva en koroj de homoj en la tuta mondo. Mi kredas kun vi, ke ĝi daŭre trovados novajn populariigantojn kaj apogantojn, kiuj deziros konstrui la pli belan mondon – de harmonio, paco kaj amo.

Mi dankas pro via ĉeesto kaj mi invitas denove al Bjalistoko. (Przemysław WIERZBOWSKI)

## Saluto de la Prezidanto de LKK/vic-urbestro de Bjalistoko



Kun vera plezuro mi observas kiel progresas laboroj por prepari la kongresejon. Mi esperas, ke vi aprezos laboron de volontuloj kaj je festa etoso, dimanĉe je la 10-a horo, ni malfermos solene la 94-an Universalan Kongreson de Esperanto. Dezirante al ĉiuj nur agrablajn impresojn dum restado en Bjalistoko mi salutas elkore - Aleksander SOSNA

## Salutoj de s-ro Gerhard WALTER al la kongreso

Estimata UEA-prezidanto profesoro Dashgupto,
estimata estraro, karaj kongresanoj,



**Kiel urbestro de Herzberg – la Esperanto-urbo mi tre ĝojas, ke la nunjara kongreso okazas en la naskiĝloko de d-ro L.L. Zamenhof pro la 150-jara naskiĝdatreveno de la kreinto de Esperanto. Esperanto, komuna samrajta lingvo povas esti taŭga komunikilo por la homaro de la 21-a jarcento. Mi pensas, ke niaj du urboj ludas pioniran rolon por helpi interkompreniĝon per neŭtrala ponto-lingvo. Volonte ni salutas esperantlingvajn gastojn, studemulojn el multaj landoj en nia urbo. Bonvenon. Mi deziras sukcesplenan kongreson. Amike salutas. (el n-ro 1 Kongresa Kuriero de la 94-a UK)**

## Urba Stilo kaj Trajto

## Jara raporto de la projekto Ĝemelaj Urboj en 2008

**1.Funkciuloj de la projekto**

**S-ro Probal DASGUPTA, prezidanto de UEA, ĉiam prizorgas evoluon kaj progreson de la projekto. Li rimarkis, ke oni estis uzanta personan fremdan lingvon kiel ilo instrui/lerni fremdajn lingvojn, kaj tuj pripensis kaj proponis probablan rolon de la projekto; s-ro Hori Yasuo prezidis la 5-an kunvenon de Ĝemelaj Urboj kiam la komisiito ne povis partopreni en la Roterdama Kongreso; S-ro Osmo BULLER ĉiam okupita en la CO trovis tempon trakti mesaĝojn tiucele. Al tiuj petoj de esperantistoj, ĉefe el Afriko, ke ili bezonas paperan bultenon *Informilo de Ĝemelaj Urboj* pro alta kotizo je interreto kaj komputilo, mi ĉi tie ripetas kaj substrekas rezulton el penado de s-ro Osmo: la Centra Oficejo volonte sendas paperan ekzempleron al tiuj, kiuj ne povas legi en reto. La petoj estu direktitaj al <sekretario@co.uea.org>. Plenuminte redaktadon kaj dissendon de la bulteno la komisiito provskribis Proponojn al verko pri la kontrakto de interurba ĝemeliĝo kaj ĝustatempe respondis diversajn demandojn el esperantistoj.**

**2. Reagoj al la projekto**

**Esperantistoj daŭre tenas entuziasmon kaj subtenon al la projekto. La reta bulteno *Informilo de Ĝemelaj Urboj* estis ankoraŭ statistikita kaj kolektita kiel oficiala reta eldonaĵo, kaj havis 21 novajn legantojn el 4 landoj. 147 esperantistoj el 46 landoj reagis al la projekto per enkonduko de novaj legantoj, sendo de eldonaĵoj, diskutoj, proponoj, opinioj kaj raportoj, ekz. Projekto: Reto el Oficialaj E-urboj kaj vilaĝoj.**

**S-ro Robert Bogenschneider el Germanio helpe korektis ĉiun numeron de la bulteno kaj daŭre aperigis ilin en http://www.aliaflanko.de/gxemelurboj.php kaj http://www.gazetejo.org.**

**Estis ricevitaj la paperaj eldonaĵoj: Ĉinio: Bulteno de Tianjin Esperanto-Asocio, Tra la Mondo, Verda Spiko kaj Mikrofone (Esperanto-redakcio de ĈRI). Finnlando:Vekilo; KAEM: Esperanto en Azio; Rumanio: BAZARO; kaj la retaj, Brazilo: Brazilei, Komunikoj; Ĉinio: Verda Pekino; Francio: Informletero de Vinilkosmo; Germanio: Verda Informilo; Hungario: Nordhungaria Informo; Kongo: KomACE; Koreio: La Solidareco.**

**3. Atingoj**

**Sub la komuna penado de la esperantistoj kaj la kvar funkciuloj la laboro de la**

**projekto estis fruktedona.**

**Aktiva interŝanĝo pli-efike montras rolon de Esperanto en la agado ĝemelaj urboj. La regiono Bretonio en Francio kaj la provinco Shandong en Ĉinio kun oficiala ĝemela rilato sukcese ĝemeligis la du regionajn Esperanto-organizaĵojn: la Bretona Esperanto-Federacio kaj Shandong Esperanto-Asocio, kaj la kvar lingvoj Esperanto, ĉina, franca kaj bretona estis adoptitaj en la subskribita ĉarto. La subskriban ceremonion ĉeestis reprezantantino de la urbodomo Rennes. Post la 60-a Esperanto-kongreso de IFEF s-ro HAN Zuwu, prezidanto de Tianjin Esperanto-Asocio (TEA), Ĉinio vizitis Lodzo, ĝemelurbo de Tianjin. Tie ambaŭ flankoj kunsidis pri la intimaj rilatoj inter la du ĝemelaj urboj, kaj serioze diskutis pri estonta plano de kunlaboro kaj interfluo inter ambaŭ Esperanto-organizaĵoj. Sukcesa renkontiĝo de s-ro HOŜIDA Acuŝi kaj s-ro ZHANG Shengmao aldonis apartan brilecon por la festo de la 10-a jariĝo de ĝemeliĝo inter Tomakomai en Japanio kaj Qinhuangdao en Ĉinio; La festo de la 15-a jariĝo de ĝemeliĝo inter Herzberg am Harz - la Esperanto-urbo (Germanio) kaj Góra (Pollando) markis novan komencon je kunlaboro kaj kun-evoluo inter du flankoj surbaze de la komuna decido “Esperanto estas oficiale uzata por la samrajtaj interurbaj kontaktoj”.**

**Aktiva partopreno pli-vivante montras rolon de Esperanto en la agado ĝemelaj urboj. kiel reprezentantoj de esperantistoj ĉeesto de s-ro Gerhard HIRSCHMANN kaj s-ro Antoni DORASZ kune atestis al la civitanoj la ceremonion pri la partnera kontrakto subskribita de d-ro Lutz TRUEMPER, urbestro de Magdeburg en Germanio, kaj s-ro Andrzej KOSZTOWNIAK, prezidanto de la urbo Radom en Pollando. Konsoloj el esperantistoj en Montpeliero, Francio, al esperantistoj en la ĉina ĝemelurbo Chendu dum granda tertremo en Wenchuan esprimis amikecon kaj solidarecon de Esperanto. Akcepto de s-ino Jantine KRIENS, vic-urbestrino de Roterdamo, dum la 93-a UK, kaj inspira respondo de s-ino Martine FILLEUL, vicurbestrino de Lille, pruvis frukteportan laboron de s-ro Claude LONGUE-EPEE kaj s-ino Catherine BOEN por ĝemeliĝa rilato inter la du urboj.**

**4. Kelkaj konsideroj**

**Organiza Strukturo - La nuna strukturo ne kongruas kun evoluo de la projekto, kaj necese stariĝas enkadre de UEA speciala komisiono kiu povas tutflanke gvidi kaj plifaciligi ĝian laboron, precipe en kunlaboro kaj interkomunikado kun neesperantistaj landaj kaj internaciaj organizaĵoj, kiuj enhavas la samajn celojn**

**Laborplano – La projekto naskiĝis en la Strategia Plano de UEA 2001-2010, kaj necesas konsideri modifon de la laborplano kun apero de nova strategio de UEA.**

**Rolo – Post laborado de la pasintaj 7 jaroj la projekto havis certan bazon kaj kolektis spertojn, ĉu sukcesajn aŭ malsukcesajn, sed la laboro ne estas tre kontentiga je kelkaj flankoj, precipe rolo de la projekto ne estas tiel evidenta en la hodiaŭa rilato inter urboj.**

**Rekono – Ĝis nun popoloj ekster Esperantujo ne sufiĉe scias la ekziston kaj valoron de la projekto.**

Inter ĝemelaj urboj

## Listo de la kunvenintoj

Ne aperis kongresanoj, kiuj nur tempere restis en la kunveno kaj ne registris siajn nomojn.
Aŭstralio: s-ino Jennifer BISHOP kaj s-ro Alan BISHOP; Brazilo: s-ro Giuseppe GRATTAPAGLIA kaj s-ino Ursula GRATTAPAGLIA; Ĉinio/Francio: s-ro Keefe DENNIS; Ĉeĥio: s-ino Miroslava ASCHEROVA; Eŭropa Unio: s-ro Michael CWIK, f-ino Marcelle PROVOST; Finnlando: s-ino Sirkka MATTLIN; Francio/Belgio: s-ro Henningsen GEORGIA; Germanio: s-ro Bernhard MAURER, s-ro Otto NELKE, s-ro Peter ZILVAR kaj s-ino Zsofia Korody; Japanio: s-ro Hori Jasuo, s-ro Nakatu Masanori kaj HARADA Hideki; Koreio: LEE Jung-kee; Nederlando: s-ino Miny MASSAR kaj s-ro Pieter ENGWIRDA; Pollando: s-ino Beata KOSTRZEWSKA, s-ro Kazimierz KRZYAK, s-ro Ryszard GORALCZYK, Urszula WIECZOREK, s-ino Natalia GROCHOCKA, s-ino Krystyna GROCHOCKA kaj s-ro Zdzislaw GLAJCAR.

## Respondoj al kelkaj kunvenintoj

La ĉi-jara kunveno de Ĝemelaj Urboj estas sukcesa kaj vere havis unua-horan efikon. Pliĝojinde tiu temo estis menciita en kelkaj aranĝoj de la kongreso. Tio signifas, ke la projekto, kiun multjare vastaj esperantistaro subtenas, estas pli kaj pli priatentata. Dum la kunveno kelkaj kongresanoj sekve faris paroladojn, s-ro Hori protokolis ilin. Kvankam la komisiito ne ĉeestis, li opinias, ke li necese donu siajn proponojn por plibonigi la laboron de la projekto. Li unuafoje pritraktis ilin en la bulteno.

S-ro Pieter Engwirda el Nederlando: "En la TTT-ejo de UEA ne estas paĝoj pri Ĝemelaj Urboj. Metu la paĝojn kun kontaktadresoj. Ĉiuj landaj asocioj havu paĝojn pri Ĝemelaj Urboj en sia TTT-ejo. Tion mi proponis ankaŭ lastan jaron, sed s-ro Wu ne respondis, kaj ankoraŭ ne estas la paĝoj pri Ĝemelaj Urboj en la TTT-ejo de UEA."




Re: s-ro Pieter ĉeestis preskaŭ ĉiun kunvenon. Koran dankon pro tio. Kio tre kortuŝas min estas, ke li persistas sintenon: Pli da subteno de la projekto "Ĝemelaj urboj estis adoptita. La unuan proponon mi respondis jam en la 15-a de septembro 2008, probable li ne ricevis ĝin, kaj renove respondis lian mesaĝon en la listo < uea-membroj> ĉe yahoogroups.com en la 17-a de julio 2009. Estas facile starigi paĝon, sed nefacile teni ĝin ĉiam aktiva kaj vivanta. Al la dua propono mi nur alvokas reagojn de LA-oj, sed ne havas rajton igi ilin akcepti ĝin.

S-ino Urszula Wieczorek el Pollando: Mia urbo estas Gdinya kaj havas 16 ĝemelajn urbojn, el kiuj en 14 urboj estas esperantistoj. Mi sendis mesaĝojn al esperantistoj en ĉiuj 14 urboj, sed neniu respondis. Kio okazis?

Re: Post la kongreso s-ro Hori transsendis al mi vian mesaĝon pri la bulteno *Informilo de Ĝemelaj Urboj*, kaj laŭ via volo mi sendis ĝin al vi. Vi pretis diskonigi ĝin al viaj membroj. Mi alte taksas vian intencon. Mi pensas, ke esperantistoj en tiuj

**ĝemelaj urboj ne faris respondojn pro multaj kialoj, sed estas necese por vi serĉi taŭgajn metodojn kiel komunikiĝi kun ili, ekz. konsideru inviti ilin al viaj Esperanto-aktivadoj aŭ internaciaj aranĝoj en via urbo, kaj sendi viajn gratulojn al la samaj aŭ similaj okazaĵoj en tiuj urboj. La projekto prezentos helpon al vi en kontakto kun ili.**

**S-ro Michael Cwik el Eŭropa Unio: Strategio de s-ro Wu ne esta bona. Avantaĝoj de esperantistoj pri ĝemelurba movado estas, a) Unu lingvo (Esperanto) estas sufiĉa por la kontakto, b) Esperantistoj estu lingvaj ambasadoroj, c) La plej bona maniero vigligi la movadon estas kontakti instruistojn.**

**Re: s-ro Michael kelkfoje partoprenis en la kunveno, kaj frue en 2001 elmetis projekton ECHANGE, rilatan "2001-Jaro de Lingvoj" de Eŭropa Unio kaj Eŭropa Konsilio koncerne ĝemelajn urbojn. Koran dankon pro lia aktiva sinteno al la agado Ĝemelaj Urboj. La laborplano de la projekto starigita en 2002 evidente ne konvenas al evoluo de la nuna agado en Esperantujo. Mi akceptas vian opinion, kaj vaste varbos proponojn por plibonigi la laborplanon. Tamen laŭ miaj multaj spertoj indas konsideri fleksajn metodojn por evoluigi la projekton, precipe je kontakto kaj kunlaboro kun samaj neesperantistaj organizaĵoj en la estonteco, ĉar ĝi ne nur disvastiĝas ene de nia komunumo, sed aktive provas ekster Esperanto ankaŭ por veki atenton kaj intereson al ĝi.**

**S-ro Nakatu Masanori el Japanio: Kiam mia urbo ĝemeliĝis kun ĉina urbo, antaŭ tio Esperanto-klubo de la urbo kontaktis esperantistojn el la ĉina urbo. Kiam okazis vojaĝo al la urbo, esperantistoj partoprenis en ĝi kaj montris la efikecon de Esperanto al ĉiuj. Ambaŭflanke estis instruistoj, do komenciĝis amikaj rilatoj inter ili, tamen nun japana instruisto emeritiĝis kaj mi timas, ke ĝis kiam tia rilato daŭros. Danke al la kontribuo de esperantistoj, la urbo donas al la klubo specialan avantaĝon pri la uzo de la salono en la civitana halo ktp.**

**Re: ĉar nemalmultaj komunikaĵoj, inkluzive de Informilo de Ĝemelaj Urboj, raportis pri Esperanto kaj Takatsuki, mi ne volas multe paroli tiucele, sed estas tre klare, ke ĝuste pro la elstara laboro de la lokaj esperantistoj la urbestro kaj la urbodomo donis altan takson kaj fortan subtenon al rolo de Esperanto en interurba ĝemeliĝo, mi profunde spertis tion dum mia restado en tiu ĉi urbo post la Jokohama UK.**

**S-ro Peter Zilvar kaj s-ino Zsofia Kóródy el Germanio: Raporto pri Herzberg kaj Gora. La movado progresas multe.**

**Re: Kunlaboro inter la du urboj estas sukcesa modelo de Esperanto-aplikado en interŝanĝo inter ĝemelaj urboj. La spertoj meritas plivastan disvolviĝon.**

**S-ino Jennifer Bishop el Aŭstralio: Mia urbo Melbourne estas ĝemela kun Osaka (Japanio), Boston (Usono), Tianjin (Ĉinio), St. Petersburgo (Rusio) kaj Thessaloniki (Grekio). Ĝis nun la temo estas nur pri komerco. Mia E-klubo proponas kontaktojn, temante pri klimato-krizo.**

**Re: Tiu propono jam aperis en n-ro. 29 *Informilo de Ĝemelaj Urboj*. Oni devas sufiĉe utiligi avantaĝojn de ĝemelurboj kaj por Esperanto-apliko en diversaj kampoj krei kondiĉojn kiel eble plej kapable, kaj per efikaj laboroj diskonigi valoron kaj rolon de Esperanto al la publiko kaj la urbaj instancoj.**

## Letero de la komisiito al urbestro de Bjalistoko

**Estimata s-ro urbestro de Bjalistoko,**

**Antaŭ ol skribi al vi mi konsideris tre longe, ne ĉar mi ne havas kuraĝon, sed ĉar mi timas ke vi ne havas tempon trakti mian leteron, precipe nun, festotempo de la 150-a jubileo de Ludoviko L Zamenhof, kreinto de Esperanto. Tamen finfine mi decidas verki ĉi tiun leteron, kaj esperas, ke ĝi atingos viajn manojn pere de Bjalistoka Esperanto-Societo konsiderinte, ke mia propono informi ĝemelajn urbojn de Bjalistoko pri la ĉi jara UK, kaj inviti kaj instigi ilin al kongreson, estos signifa por tiu festo.**

**Doktoro Zamenhof per sia granda kreo de internacia helpa lingvo - Esperanto diskonatigis Bjalistokon al la mondo. La majstro per rezulto de sia saĝeco kaj strebado faris grandan kontribuon al progreso kaj paco de la mondo. Ĝuste pro tio Bjalistoko havas unu brilan paĝon en sia tuta historio. Ni, esperantistoj fieras kun Bjalistoko.**

**Sufiĉe konsciinte ke Esperanto estas ludinta aktivan kaj efikan rolon en la agado de ĝemelaj urboj, kaj samtempe reage al la Strategia Plano de UEA 2001/2010, UEA starigis en 2002 la projekton "Ĝemelaj Urboj" kun celoj: disvastigi kaj apliki Esperanton, fortigi kunlaboron de ĝemelurboj kaj akceli ĝemeliĝon inter urboj, kaj ekde 2004 speciale aranĝas por ĝia evoluo en stabileco kaj progreso kunvenon dum ĉiu kongreso. Kaj ĝiaj laboroj estas fruktedonaj. Unu el la atentokaptaj ekzemploj estas, ke la projekto aldonas novan interŝanĝan enhavon inter kongresurbo kaj siaj ĝemelaj urboj, ekz. urbestro de Kioto en Japanio sendis la salutmesaĝon al urbestro de la itala ĝemelurbo Florenco por okazo de la 91-a UK, vic-urbestrino de Rotterdam en Nederlando akceptis esperantistojn el la franca ĝemelurbo Lille dum la 93-a UK, kaj vic-urbestrino de Lille faris aktivan respondon al tio ktp. Ĉio ĉi montras, ke Esperanto estos utila kaj helpa por profundigi amikecon kaj akceli evoluon inter ĝemelaj urboj.**

**Surbaze de tiu signifo mi elkore esperas, ke vi povu konsideri la ĝemelajn urbojn de Bjalistoko okaze de la 94-a UK, la granda festkongreso omaĝi la 150-an jubileon de la kreinto de Esperanto, des pli, ke troviĝas esperantistoj kaj Esperanto-organizaĵoj en kelkaj urboj kiuj havas oficialajn ĝemelajn rilatojn kun Bjalistoko, ekz. Eindhoven en Nederlando, Kaliningrado en Rusio, Kaŭnaso en Litovio, Dijon en Francio kaj Miskolc en Hungario. Mi kredas, ke via konsidero kaj decido pliriĉigos la kongreson. Mi plikredas kaj bondeziras, ke Bjalistoko gvidata de vi estu pliprospera. Kun koraj salutoj al vi. (skribita kaj poŝte sendita en la 24-a de junio 2009)**

# Funkciuloj de la projekto

S-ro Probal DASGUPTA , prezidanto de UEA
S-ro HORI Jasuo, estrarano de UEA pri landa kaj regiona agado
S-ro Osmo BULLER, ĝenerala direktoro de UEA
S-ro WU Guojiang, la komisiito de la projekto

## Redakcio de Informilo de Ĝemelaj Urboj

Redaktoro: s-ro Wu Guojiang, Fushun Shiyouyichang Yanjiusuo, CN-113008, Fushun Liaoning Ĉinio; Telefono kaj Fakso:+86-413-2650322; Retadresoj: ghemelurboj@yahoo.com.cn amikeco999@21cn.com
Provlego: s-ro Robert BOGENSCHNEIDER, retadreso: robog@gmx.de